# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto III^a, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro** **MAJO 1932** **N-ro 14**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

## H. E. A. SUR LA NOVA VOJO

Vigla estas la laboro ĉie, ĉar niaj kunasocianoj reentuziasmiĝis, konstatinte rezultojn de la nuna plano disvolviĝanta kvankam la disvolviĝo ĵus komenciĝis, ĉar ni jam ekhavigis al ni profitojn, kiuj vidigas estontan grandan kaj gravan sukceson. Malmulte da tempo mankas por la alveno de nia IX$^a$ Kongreso; kaj, tamen, antaŭ la alveno, ankoraŭ ni rikoltos novajn profitojn kiuj certe influos sukcese por venigi al Madrido multenombrajn samideanojn.

La samideanoj de Santander ĉeestos sufiĉenombre la Kongreson, kaj ili petos de ĝi la permeson por aranĝi la Xan de nia Asocio en sia urbo, por kio ili eklaboris.

«Zaragoza Esperantista» progresas rimarkinde de kiam ĝi translokiĝis, ĉar ĝi kalkulas proksimume 200 membrojn, klarigante ok kursojn. El la grupo venos certe karavano gvidata de ĝia prezidanto S-ro Carnicer.

En Logroño, S-ro Loyola celas esperantigi la tutan urbon sekvante la vojon de nia kara kunlaboranto de Cheste S-ro Máñez. Nun dekkvin lernantoj liaj sin preparas por elementa ekzameno.

S-roj Arroyo kaj Anguita en Jaén gvidas kurson, kiun partoprenas dudekkvin lernantoj.

En Cartagena renaskiĝas la esperantan fervoron, kiu iam estis vigla ĉi tie, kaj esperinde estas la refondo de la tiea grupo.

En Callosa de Segura ĵus oni fondis esperantan grupon; en Valencia baldaŭ oni fondos alian; en Ferrol restariĝas firme la antaŭan grupon ĉar nia kompetenta samideano S-ro Oliván denove vigle eklaboris post sia resaniĝo. En Madrido estas kursoj (du) en la Ateneo, en Centro pri Historiaj Studoj (tre grava, kiun gvidas S-ro Inglada), en la Popoldomo kaj en diversaj socialistaj kluboj, en la Teozofia Ateneo, en la Hispan-Amerikana Institucio de Studentoj, en iuj respublikanaj kluboj, k. c.

La rilatoj de Hispana Esperanto Asocio al tre gravaj instruinstitucioj estas grandaj kaj favoraj al nia afero: kun la Centro pri Historiaj Studoj, kun la Komitato por Ampleksigo de Studoj, kun la Organizaĵo pri Turismo (kiu dependas de la Prezindanteco de la Registaro). Ĉi tiuj tri gravaj institucioj konsciis la gravecon kaj utilecon de esperanto por siaj specialaj laboroj, kaj konsciis utilon de nia Asocio al tiaj siaj specialaĵoj eĉ per nia ĉiumonata gazeto kaj kunlaborado de kompetentaj samideanoj pretaj fari al ili ĉiajn tradukojn. La rilatoj

konsciigis la Direktantan Komitaton de H. E. A. pri baldaŭa ampleksa kaj grava loĝejo senpaga, kie la Asocio starigos sian centran oficejon kaj konstantan ekspozicion el esperantaĵoj.

La vicministro de Publika Instruado ne nur estas favora al esperanto; sed tute konvinkite pri la utilo de esperanto, li bedaŭradas ne havi tempon por studi la lingvon, ne esti havinta tempon por la studo, ĉar, en Ĝenevo malagrable li spertis pro esperanta nescio. Tamen, li celas studi kaj profiti esperanton.

Ankaŭ H. E. A. interrilatas kaj interrilatos kun aliaj gravaj organizaĵoj, pri kies sukceso ankoraŭ oni povas diri nenion, kvankam la afero prezentiĝas favora.

Por plej granda propagando, ĵus H. E. A. eldonis 12.000 broŝuretojn, el kiuj oni disdonos senpage iujn al la grupoj. La broŝureto entenas gravajn opiniojn pri esperanto kaj koncizan vulgaran kaj praktikan gramatiketon; milon da broŝuroj oni liveros al grupoj kaj membroj de H. E. A. kaj al Hispan-amerikaj Asocioj laŭ preskosto kaj afranko: specimeno po KVAR CENTIMOJ el PESETO, t. e., KVARDEK PESETOJN MILO. La titolo de la broŝureto estas «¿Qué es el Esperanto?»

Celante ĉiam praktikon, H. E. A. mendis specialan Kongresinsignon, kiu konsistas el arĝentumita disketo kun bele verda kvinpinta stelo (por la butontruo de la jako) sur pli granda kuprodisko kun relief skribaĵo pri la Kongreso; la kuprodisko estos facile forigebla post la Kongreso, restante la bela esperanta insigno por ĉiam utiligi ĝin.

De nun nia Asocio enradikiĝas firme, oficialiĝante tute, ĉar en la Budĝeto de la Ministerio de Publika Instruado aperas subvennciata. Ĉi tio, dank' al nia senlaca laboro, estas firma paŝo al plej bona kaj granda atento al nia laboro. La subvencio por la tri restantaj kvaronjaroj estas el 5.000 pesetoj, kiuj kun la 1.250 pesetoj de la unua kvaronjaro, kaŭze de la subvencio de la pasinta jaro, atingas la kvanton da 6.250 pesetoj.

Ĉio bone vidigas al ni, do, sukcesan estontecon kiu certe kulminacios, kiam ni okazigos Universalan Kongreson en Madrido, kiu, laŭ konsiloj de la Oficejo por Turismo, devos okazi je 1934, kaj pri kiu havas grandan intereson tiu Oficejo, la Urbestraro, k. c., kaŭze de nia laboro al tio. Ni ekkriu, do. Antaŭen! Antaŭen kun fido kaj entuziasmo!

———o———

# AL SAMIDEANOJ

Samideanoj de mia kara lando,
samideanoj de ĉiu kontinento,
ĉesu jam ĉe ni, do, ĉia malkonsento,
ne plu agadu ni laŭ aparta bando;

paco, laboro kaj amo, estu rito
por Esperanto. Neniel la perforto
por la afero fariĝos bona sorto,
estos ĝi kvazaŭ la sekvo de milito.

Venas la tempo utila por laboro,
kiam trankvile fervore fratoj bruos,
kiam kunvenojn kontente ĉiuj ĝuos
certe gvidate de l' sentoj de la koro;

kiam ĉeestos multnombraj ni kongreson,
kaj en ĝi ĉiuj kondutos sin ja fratoj;
pri organizo, nu tiam, la manplatoj
entuziasme aplaŭdu la sukceson:

fondu ni solan esperantistan rondon,
efektivigu ni vere «Novan Senton»;
ne nur enlanden starigu solan genton,
sed organizu ni same tutan mondon.

Kiam jam poste disiĝo nepra venos,
post grandioza triumfo tiel rava,
por Esperanto tutplene fruktohava,
nia progreso neniu jam detenos,
la skeptikuloj eĉ ankaŭ nin komprenos.

JULIO MANGADA ROSENÖRN

# PROPONO

## PRI ENKONDUKO DE ESPERANTO EN LA NORMALAJ LERNEJOJ POR GEINSTRUISTOJ

— DE —

F-ino AMALIA NÚÑEZ DUBÚS,
*profesorino de la Normala Lernejo de Pamplona.*

## AL LA IX KONGRESO DE HISPANA ESPERANTO ASOCIO

ALTESTIMATAJ GESAMIDEANOJ:

LERNEJO estas eksperimentejo de estonta socio. Tion komprenínte, ĉiu politika kaj socia idearo klopodas influi la unuan instruadon, bazo de ĉia homa klereco. En la animoj de la esperantistoj nestas, kiel plej alta aspiro, la enkonduko de la INTERNACIA HELPA LINGVO en la infanajn lernejojn.

Sed por ke tiu komuna revo fariĝu realaĵo, oni bezonas, unue, kalkuli grandan nombron da geinstruistoj bone sciantaj ESPERANTON.

Certe komprenis tion H. E. A., kaj per diversaj rimadoj, ĝi intencis altiri al si la Geinstruistaron, kies multaj plenmeritaj geanoj ĉeestas niajn vicojn. Oni trovas tamen, por ilia varbado grandajn malfacilaĵojn: junaj geinstruistoj loĝas plej ofte en malgrandaj vilaĝoj, perdataj en la faldoj de niaj montaroj aŭ en la unutona senlimeco de nia plataĵo, sen facilaj komunikaĵoj al la urboj, kie niaj Grupoj kaj Societoj senlace laboras. La direkta lernado estas malfacila; la perkoresponda lernigado ankoraŭ suspektiĝas, ĉe ni, pri ĝia efiko.

Sed, ju pli malfacile estas esperantigi la servantan instruiston, des pli facilege estas tiel agi ĉe la *Normalano*—instruista-lernanto—. Tiu, pro sia entuziasmo, sia klereco, sia pedagogia emo, estas la ideala varboto.

Ĉiuj, kiuj iam gvidis Esperantan kurson, bone konas, ke la du ĉefaj malhelpoj por ĝia efiko estas la malsameco kaj la neprofesoremo de la lernantoj:

1e Ordinare ĉeestas la kursojn, bone posedantaj Hispanan Gramatikon—kaj ofte ankaŭ fremdlingvajn—homoj, kune kun aliaj kiuj, ĉu pro manko de klerigado, ĉu por sin dediĉi al tre malsamaj profesioj, tute ĝin ignoras. Se oni uzas la praktikan voĉan metodon, la unuaj, kiuj facile elposedus la koncernajn regulojn, enuiĝas; se oni

uzas la gramatikajn regulojn, la metodo fariĝas tro abstrakta por la duaj.

2e La varbitoj estas ofte homoj ekzercantaj diversajn profesiojn, kies devoj ilin impulsos alidirekten. Pri tiuj, oni povas esperi, ke ili estos bonaj lernantoj; sed preskaŭ neniam eblaj instruistoj. Kaj ni ja bezonas instruistoj, profesoroj.

Neniu el la du danĝeroj cititaj estas en la Normala—por instruista—Lernejo. La Instruista lernanto posedas perfekte jam la Hispanan gramatikon, plie li posedas sufiĉe fremdajn lingvojn—se li devenas de la Abiturienta Instituto, almenaŭ tri, latinan, francan kaj alian—. Ili estas tiel egale kleraj ol povas esti aro da lernantoj. Ankaŭ ili havas la pedagogian inklinon. Oni povas prave esperi ke ili ŝatos lerni kaj ŝatos lernigi, kelkaj el ili sendube estiĝos Esperantaj profesoroj.

Pro ĉio supre dirita, mi kuraĝas al la Esperanta Kongreso prezenti:

## PROPONOJN

I. HISPANA ESPERANTO ASOCIO—subtenata per la valora helpo de samideanoj Almada, Azorín kaj Redondo, deputitoj ĉe la Konstituanta Hispana Parlamento, kaj Pintado, konsilanto de la Supera Popola Klerigado Konsilantaro, kies favoran kaj efikan bonvolecon oni petos—klopodos atingi de Lia Ministra Moŝto por Publika Instruado de Hispana Respubliko ekspresan oficialan deklaron ke ESPERANTO estas unu el la lernobjekto, sub la nomo *Ampliación facultativa de idiomas* (laŭvola lingvostuda pliigado), entenataj en la 7ª paragrafo de la Dekreto de 29 Septembro 1931, kun samaj rajtoj kaj profitoj ol la ceteraj vivantaj lingvoj.

II. HISPANA ESPERANTO ASOCIO petos al siaj geanoj loĝantaj en urboj, kie ekzistas Normala porinstruista Lernejo—aŭ en sufiĉe proksimaj urboj el kie oni povas tien iri senĝene ĉiutage—ke ili gvidu la Esperantan kurson, kies daŭro povas esti limigita al ĉiusemajna horo, po ĉiu el la du kursoj; kio faras, dum la okmonata lernotempo, kaj deprenita la duma libertempo, tuton da 28 - 30 horoj po kurso, sufiĉa tempospaco por perfekta kurso, atendite la gramatika kaj pedagogia bazo de la lernontoj.

HISPANA ESPERANTO ASOCIO povos destini modestan monhelpon, de la Ŝtata subvencio, por la samideanoj profesoroj, kiuj ekspresе ne ĝin forlasos.

III. La tiea loka grupo aŭ la definita samidean-(in)-o vidigos pere de saĝa propagando inter la Normala Studentaro la superecon de Esperanto pro ĝia facileco, disvastigo kaj logiko super la ceterai lingvoj.

IV. La elektitaj samidean(in)oj klopodos uzi facilajn kaj agrablajn lernrimedojn, forigante plej eble la hejman laboron de la gelernantoj, instruante al ili ne nur la helpan lingvon, sed ankaŭ ĝian por infanan metodosciencon, la teknikon de interŝanĝado, tiel pedagogie grava por la estonta aktiveco de la instruisto, kaj la INTERNAN IDEON, kiu tiel taŭge akordiĝas kun la spirito de la Hispana Konstitucio.

Ĉio, kion mi proponas al la ĉeestantoj por ilia studado kaj akcepto.

Tamen, la Kongreso per sia saĝeco kaj aŭtoritato, solvos plej taŭge.

---

# PROPONO

## POR TUTMONDA ESPERANTO-FRONTO

— DE —

S-ro. PEDRO GAMIR

*Telegrafestro en la Ĝenerala Direkcio. Madrido.*

---

## ESPERANTA INTERNACIA INTERKONSENTO

I. La Nacioj suskribantaj ĉi-tiun interkonsenton, promesas per ĝi respekti tutplene la internaciajn decidojn.

II. Internaciaj decidoj, estas tiuj, kiuj post la voĉdono de la propono en la lando, kaj de ĉiuj nacioj estus aprobata de la plimulto.

III. En la urboj, laŭ eblo, oni starigos, *Grupojn au Asociojn* el lokaj esperantistoj kiu representos ilin.

IV. En ĉiu Nacio oni starigas *Nacian Esperanto-Oficejon* kiu reprezentos ĉiujn esperantistojn de sia teritorio, internacie.

V. En la urboj estos nomitaj *Delegitoj*, kiuj starigos la rilatojn inter la grupo au asocio kaj la *Nacian Esp.-Ofic.*

VI. La *Centra Internacia Oficejo* kies sidejo estas ĉe Madrid, ĝis la organizado estos starigita, starigos internaciajn rilatojn inter ĉiuj Naciaj Oficejoj.

VII. Por la plenumado kaj realigado de ĉi-tiu Interkonsento, oni starigos Internacian Regularon, kiu oni povos aliformigi pro interkonsento de la Nacioj subskribintaj ĝin.

VIII. Neniu nacio aliĝinta povos apartiĝi el ĉi-tiu interkonsento sen antaŭa avizo je ses monatoj.

IX. Se iu nacio ne aliĝinta al la interkonsento volus aliĝi al ĝi, oni konsideros ĝin aliĝanta de la dato mem de la peticio.

X. Internacia universala Kongreso okazos ĉiujare. La kongresurbon por ĉiu Kongreso oni decidos je la antaŭa Kongreso dum la lasta kunveno.

---

*Laŭ la regulo 7ª de la Esperanta Internacia Interkonsento oni starigos la jenon:*

## ESPERANTA INTERNACIA REGULARO

1. Ĉiu esperantisto estas devigata kontribui por la subtenado de la internaciaj interrilatoj kaj propagando de Esperanto per ĉiumonata kotizo en ĉiu nacio.

2. Ĉiu esperantisto aliĝinta kaj akurate paginta siajn kotizojn rajtas ĉion kion ĉi tiu Regularo donas.

3. Ĉiu esperantisto ĝustatempe ricevos senpage:

a) La Bultenon oficialan de la lando.

b) La Jarlibro de Centra Internacia Oficejo.

c) La presaĵojn necesajn laŭ la C. I. O., por la propagando.

4. Ĉiu esperantisto rajtas havigi al si per preskosto kaj afranko ĉion eldonitan de C. I. O. kaj Nacia Oficejo, se N. O. eldonus ion.

5. Ĉiuj esperantisto rajtas proponi ĉiel kaj ĉiam, celante plibonigon de la unio aŭ apartaj fakoj, servoj, k. c.

6. Ĉiu aliginto rajtas voĉdoni.

## PRI GRUPOJ

7. La lokaj Grupoj havos rilatojn nur, kun la Delegito nomita de la N. O. kaj li estos la ligilo inter la Grupo kaj N. O.

8. Propono estas submetata ĉe grupo al voĉdonado. La Delegito konigos al N. O. la rezulton kaj la kontraŭproponojn, se estus ĉi tiuj.

## PRI LA NACIA OFICEJO

9. La N. O. (Asocio, societo, laŭ landaj leĝoj) estas la interrilatigilo inter la enlandaj esperantistoj aliĝintaj kaj la C. I. O.

10. (1) Ĝi eldonos ĉiumonate Bultenon, kiun ĝi disdonos senpage al aliĝintoj kaj sendante duoblan ekzempleron al C. I. O.

(2) La Bulteno aperigos:

a) la prezentitajn proponojn por povi studi kaj voĉdoni dum unu monato;

b) la rezultaton de la voĉdonado kaj kontraŭproponojn prezentitajn (la N. O. konigos ilin al la C. I. O.);

c) tiujn de la aliaj landoj kun la sama celo;

d) aliĝojn kaj eksiĝojn de esperantistoj;

e) novaĵojn, literaturaĵojn, k. c., interesantajn.

## CENTRA INTERNACIA OFICEJO

11. La C. I. O. konsistos el Direktoro kaj oficistaro nepre necesa kaj sufiĉa por plenumi sian celon.

12. (1) La C. I. O. agos some kiel la N. O. konsiderante ĉiun N. O. sola voĉdonanto.

(2) Ĝi eldonos Oficialan Bultenon, ĉiumonate, same kiel faros ĉiu N. O.

(3) La templimo por la voĉdonadoj estos: 2 monatoj por la studo de la proponoj, kaj konante ilin, se estus kontraŭproponoj, amendoj, k. c., 2 aliaj monatoj; je la fino de la dua templimo la N. O. voĉdonos definitive.

(4) Ĝi eldonos jarlibron kun adresoj de ĉiuj esp.-delegitoj nomitaj de la Nj. Oj.

(5) Ĝi eldonos afiŝojn, flugfoliojn, broŝurojn aŭ aliajn eldono taĵojn, kiuj estos necesaj kaj interesaj por la esperantistaro liverante ilin laŭ la preskosto kaj afranko al Nj. Oj. kaj al ĉiuj esperantistoj senescepte.

(6) Ĝi starigos Centran Bibliotekon kaj arĥivon el dokumentoj.

(7) Ĝi organizos la Internaciajn Kongresojn, liverante al N. O. de la lando, en kiu okazos la Kongreso, ĉion, kion ĝi posedas por la plej bona aranĝo, anoncante du monatojn antaŭ la Kongreso la nomojn de la Oficialaj Internaciaj Delegitoj representantaj la Nj. Oj., rajtigitaj tutplene de ĉi tiuj.

13. La elspezoj de la C. I. O. estos pagataj de la N. O. proporcie je la nombro de membroj formantaj ĉiu N. O.—La Internacia Kongreso fiksos la aluditan proporcian pagon.

14. La Internaciaj Delegitoj de la lando en kiu okazos la Kongreso estos ĝis la sekvonta Kongreso la Inspektoroj por la bona ordo, funkciado, administrado k. t. p. de la C. I. O.

---

## ĈU ESPERANTO-NEŬTRALECO. ĈU ESPERANTO-BATALO.

Sufiĉe ofte mi aŭdas paroli iujn esperantistojn, ke esperanto-neŭtraleco estas afero tute senpraktika, kaj tial ĝi tute ne progresas en la mondloĝantaro, kaj konsekvence ili sin klinas al esperanto-batalo, ĉar ĉi tiu vivado estas senfina batalado inter ĉiuj vivestaĵoj. Do, mi nun demandas: Ĉu la ĉefa celo de la homoj estas konstante kaj senripoze bataladi unuj kontraŭ la aliaj sen fundamenta celo, same kiel faras la sovaĝaj bestoj? Ĉu la homoj rajtas pensi, kaj elpensi

de jarcento al jarcento en konstanta penado, nur por sin detrui reciproke, sencele, kaj senfine? Ne! Tute ne! Kaj nuntempe ĉe nia epoko kun, kaj per esperanto? Pli ankaŭ ne! La homoj ne povas esti kiel estas la mikrobo, la azeno, la kondoro, la skvalo. La homo estas la estro kaj reganto de la naturo, tial li devas ordigi ĝin por sia feliĉo kaj bono, li devas serĉi la veran Veron de sia ekzistado penante kaj laborante utile pene de la progreso por la bono de la tuta homaro. La relativa feliĉo, kiun atingos la homaro, nur povas esti en vera paco, en sindonema interhelpado, ne en konstanta interbatalado, kiel diras tiuj novaj liberigantoj, ĉar ni ĉiuj scias ke telefono, aeroplano, dinamito, kaj tiel plu, taŭgas same por grandigi la kapablon, bonon kaj feliĉon de iu ajn popolo, kiel por tute fiaski kaj mortigi ĝin, se oni profitas tiujn inventojn malsaĝe kaj perforte, do, esperanto estas en la sama proporcio, kaj se ĝi ne progresas tiel rapide, kiel estas dezirinde, estas kulpo de ni mem, kiuj ne volas aŭ ne scias trovi la rektan vojon de formika laborado, kaj estas por ni multe pli ŝate kritiki, detrui, faligi tion, kion estas farintaj niaj fratoj, nur malame pretekstante, ke tio aŭ alio estas malnova, malbela, aŭ ne nuntempa. Ne, esperantistoj; paco kaj laboro estas triumfo de ideo, kaj se ni volas ke esperanto venku rapide, unuiĝu kaj laboru formike, ne skvale, ĉar ni jam havas vojon pretigitan, kaj le triumfo alproksimiĝas. Hispanaj esperantistoj! Unuiĝu ĉiuj sub HISPANA ESPERANTO-ASOCIO ĝis la fina senduba venko.

JACINTO MARTIN

---

## MAŬRA RAKONTO

El ora harar' huri':
vi ja postulas de mi
vin amuzi per legendo
maŭra, kiel en la tendo
nin ravis maŭro *Hali'*.

*

Mi ĝin aŭdis en Afriko
de *Abbas'* en la tendaro
rakontita de amiko;
aŭskultu, do, sen eraro
legendon, preskaŭ kroniko.

*

Tre lerta por ludi liron
estis la sklavid' *Hassan*,
sed ne por havi deziron
kaj ami belan *Zelmiron*,
la filinon de l' sultan'.

*

Pri la pasia inklin'
la fiera belprincin'
tute nenion konjektas,
kiel luno ne suspektas,
ke najtingalo amas ĝin.

*

Same ŝin amis *Hassan*,
kiam dum noktoj plenlunaj
la filino de l' sultan'
promenis post sia ban'
kun la sklavinoj tre brunaj.

*

Lia kor', vera vulkan',
silentis; eĉ per instigo
faris nenion Hassan',
ĉar la filin' de l' sultan'
lin pagus per la mortigo.

*

Kaj morti, por la vasal',
estus—maldolĉa pokal'!—
ne plu revidi Zelmiron,
kiel vidas najtingal
la lunon, noktan zafiron.

*

Sed iam okazis, ve!,
kio estis okazonta
(antaŭskribite aŭ ne):
princin' estis edzigonta
generalon de l' arme'.

*

Sed eksciinte *Zelmiron*
lin diris: —Prenu la liron,
kantu, ho!, bona artist'
mian por la edz' admiron.

Ŝi edzigis *Alataron*,
kiu regis tutan maron,
tiel princa kiel ŝi;
kaj li preparis fanfaron
ĉe l' komenc' de l' idili'.
la lertecon de l' kantist'

*

*Hassan*' meze de la festo
(laŭ maŭra ĉies atesto)
sentis doloragonion
kaj svingis tuj, laŭ protesto,
ŝtalan tre akran gumion.

*

Kriante al aŭdantar':
—Pri feliĉ' de *Alatar*'
antaŭ ol kanti la sorton
mi ĵetos liron al mar'—
kaj si kaŭzis la morton.

*

Jen la maŭra histori',
kiun rakontis *Hali*'
kiam mi loĝis en tendo.
Nun mi demandas al vi:
Ĉu plaĉa, do, la legendo?

PETRO ANTONO ALARCON

*El hispana lingvo tradukis*
FERNANDO REDONDO

---

## PROGRAMA PROVISIONAL DEL IX CONGRESO DE H. E. A.

*Domingo, 15 de mayo*.—A las 9, reunión previa bajo una presidencia de edad para votar la mesa congresal que haya de presidir las sesiones. A las 11, solemne sesión de apertura.

A las 16, excursión a El Pardo, para visitar el Palacio y su colección de tapices, la más rica del mundo.

*Lunes 16*.—A las 10, visita al Museo del Prado. Por la tarde, visita

al Palacio Nacional. A las 21, en el salón del Ateneo, primera sesión de trabajo.

*Martes* 17.—Visita al Museo Arqueológico y al de Arte Moderno, a las 10. A las 18, acto de propaganda en el salón del Ateneo, con declamación de poesías en español y esperanto. A las 21, segunda sesión de trabajo.

*Miércoles* 18.—Excursión a El Escorial.

*Jueves* 19.—Visita al Museo Cerralbo, a las 10.—Tarde: Concierto en el Retiro por la Banda Municipal. A las 21, tercera sesión de trabajo.

*Viernes* 20.—Excursión a Toledo.

*Sábado* 21.—A las 10, visita al Museo Municipal o al de Ciencias Naturales. Por la tarde, visita al Parque del Oeste y ermita de San Antonio de la Florida para admirar los famosos frescos de Goya. A las 21, cuarta sesión de trabajo.

*Domingo* 22.—A las 11, sesión de clausura.

Las excursiones a Toledo y al El Escorial, la primera en autobús y la segunda en tren, se hará cada una por 15 pesetas, todo comprendido; la de El Pardo, por 2,50 pesetas. Conviene saber con toda la anticipación que se pueda quiénes las participarán.

## ORDEN DE TRABAJOS

*Primer punto* (particular de H. E. A.):

a) Salutación de delegados o representantes de agrupaciones esperantistas (de H. E. A. o extraños a ella) por orden alfabético, para lo cual se anunciarán con anticipación una vez recibida la delegación o representación en sus respectivas localidades a la Secretaría de H. E. A. Las salutaciones serán concisas.

b) Nombramiento de la Comisión revisora de cuentas.—Lectura de la Memoria sobre H. E. A.—Discusión y fallo.

c) Lectura de las cuentas e informe de la Comisión revisora. Discusión. Votación. Elección de Directiva.

d) Discusión del nuevo Reglamento. Votación.

e) Introdución del esperanto en las escuelas.

*Segundo punto* (general para todos los esperantistas, sean o no de H. E. A.):

a) Congreso universal de esperanto en Madrid para 1934.

b) Proposición Gamir sobre organización del esperantismo.

# BRANĈA DIMANĈO (1)

Maljuna Martín demetis sian jakon, ĝin Kroĉis en malalta branĉo de la olivujo—la nura olivujo de Errizarra kaj sendube la plej norda en tiu lando—kaj li ekkontrolis la por baldaŭ tomata replantado jam pretajn bedojn.

Depost kvardek jaroj—depost ke li edziĝis kun bona Nikolasa, tiam tiel vigla kaj nun tiel surda—ĉiudimanĉe, post la ĉeesto al la unua meso kaj dum la horo por la solena Diservo alvenas, li tiel inspektadis la legomĝardenon, kontrolante la dumsemajnan faritajn laboraĵojn kaj pretigante la farotajn. La unuajn jarojn, li sola, dum Nikolasa mastrumadis; post, akompanata de blonda diableto, kiu alkroĉiĝis al liaj kruroj, lin haltigante ĉiupaŝe —Patro, kio estas tio?— Patro, rigardu kian birdeton!— Patro, mi deziras tiun floron... Post, la diableto jam ne plu postulis florojn aŭ birdojn; li grimpis sur la arbojn, ĵetis ŝtonojn al la flugilhavaj ĝardenaj gastoj... Pli malfrue, la diableto ne plu lin akompanis dimanĉe en la legomĝardeno, ĉar li, senlaca ĉasisto kuradis el la tagiĝo la kompbordojn, akompanata de Chakurra (2), la maljuna Chakurra kiu ankoraŭ gapadis Martinon, duonkuŝata sub la sunlumo, tro malvigla por kuri post la birdetoj. Post, longa tempospaco—la dujara militservado en la malproksima kaj mistera urbo—kaj la knabo revenas gaja kaj sprita. Denove ĝojeco hejme.

La maljunulo dume estis farinta siajn kalkulojn: Oni «farus lin por hejmo» (3) kaj Presen, lia fratino irus kiel «juna mastrino» kun bona doto. Trankvila maljuneco, nepoj reproduktontaj novan viveldonon —Avo, kio estas tio?— Avo, rigardu kian birdeton!— Avo, mi deziras tiun floron...

Sed la junulo estis akirinta dum la soldatservado—pro ofta paradokso tie, kie obeado estas dogmo kaj disciplino, kulto—strangajn ideojn pri sendependo. Baldaŭ la patro sciis ke lia filo amrilatis kun filino de Civila Gvardio—kaporalo de proksima vilaĝo, bela kaj honesta knabino; sed sen alia havaĵo ol la koncerna parto de la patra salajro, certe ne tro ampleksa, kaj disdonenda por sep gefratetoj. Kaj, kiam por eviti ke la afero antaŭeniru, en Branĉa Dimanĉo, kiel la nuna, Martín estis alvokinta la filon, por al li sciigi ke li jam lin svatis al la filino de la muelisto, bonega entrepeno ĉar ŝi alportus tridek *onzas* (4), kaj ke li devas iri al «intervidado» la Paska Dimanĉo; la knabo, kun granda respekto, sed kun trankvileco kaj firmeco, rifuzis obei al la vilaĝaj moroj kaj parolis jene:

—Gustatempe, patro, mi ĝojigas, ke vi priparolu tiun aferon; Depost multe da tempo, mi intencis paroli, sed pro respekto, mi ne

kuraĝis; sed mi jam faris mian elekton; mi ja vidis la mondon kaj mi pensas ke pri tiu afero, edziĝo, la fianĉoj devas elekti sian paron; mi estas decidata ne edziĝi laŭ la moroj de tiu-ĉi vilaĝo. Mi interesiĝas pri Anselma kaj mi petas vian konsenton por edziĝi al ŝi.

La patro vid-al-vide tia nekomuna fakto, ŝtoniĝis, paliĝis, liaj manoj tremis; dufoje eksufokiĝis, kaj fine ekparoladis:

—Edziĝi al Anselma?— Ne dum miaj vivtagoj. Kiu estas ci por kompreni tion, kion al vi taŭgas?— Depost kiam, la fraŭloj regas la financojn kaj la familiajn negocojn?— Ĉu la patroj ni estas nenio?— Kion mi faras nun, pri la Muelistino, en kia rolo mi restas, se ci ne iras eĉ al la «intervidado»?

—Tio ne koncernas min; se oni estus konsultinta min antaŭ ol trakti.

—Tion ankoraŭ mi devas aŭdi! La mondo renversita! La patro konsulti la filon! Al la muelistino ci edziĝos, kaj se tio ne okazas, ci aranĝos laŭ ci volos; ci estas ja plenaĝa, edziĝu al Anselma aŭ al la unua knabinaĉo kiu cin ravos; sed por mi, ci jam finis; ni faros «por hejmo» (3) cian fratinon kaj pace.

La amo de la knabo ne estis nura babilado; kun stoikismo inda de la heroa tempo li firme tenis kontraŭ la patra vortpluvego, la patrinaj enuoj kaj larmoj. Kaj li kontraŭstaris plue: li kontraŭstaris la malsamajn komentojn de la vilaĝanoj; maljunuloj mallaŭdis: «Kiel la aferoj nun okazas, ja ne estas plu aŭtoritato»; la gefraŭloj—ĉiam romantikaj—lin laŭdis kaj admiris, kvankam malmulte da ili kapablus lin imiti.

La fraŭlo eliris el sia hejmo kaj iris labori kiel taglaboristo. Poste lia senmakula militserva atesto kaj kelkaj bonaj rekomendoj havigis al li la postenon de vilaĝa gvardisto. Li edziĝis. Li havis infanojn. Li vivis feliĉa... Ĉu feliĉa? Ne tute; lia malkonsento kun la gepatroj lia ne ofta malobeo estis kvazaŭ dorno, silente enigita kaj ĉiutage pli profundiĝanta. Plur foje li pruvis, sensukcese, reamikiĝi. Kiam lia unua filo naskiĝis, reveninte el la bapto, li sendigis la infanon al la geava domo. Sed lia fratino Presen, jam edziniĝita «por hejmo» ilin baris la eniron pro la preteksto, ke la maljunulo estas enlite pro reŭmatismo. Disputo ekestis; la bofrato intermetis sin, oni interŝanĝis minacajn parolojn opiniante kiel profitaj celoj tiuj, kiuj nur estis pacaj kaj pardonaj deziroj, kaj la nova patro ĵuris al si mem ne plu intenci denove proksimiĝon al la sia.

Kaj la maljunulo —Ĉu li estis pli feliĉa ol la filo?... Certe, neniel. Presen ne havis infanojn, la bofilo estis obstina kaj malĝentila viro, kiu ĝojiĝis kontraŭstari la bopatron; kaj maljuna Martín ĉagreniĝis pro la juna filo kaj sopiris al la etuloj pli varme ĉiutage.

Ĉuste pri tio li pensadis hodiaŭ, Branĉa Dimanĉo, kiam la vilaĝaj infanoj eniris la ĝardenon por peti branĉojn de la olivarbo, la nura olivarbo de Errizarra, por la solena benofesto. Kun kia granda plezuro li tranĉus la plej viglan stangon por sia nepo, kiel antaŭe li tranĉis por sia filo, kiel lia patro tranĉis por li mem!

Aro da knabetoj eniris peti branĉojn. La bona Martín, kun la tranĉilo enmane, ilin disdonis, dum li okule ekzamenis la vizaĝojn, serĉante la amatajn trajtojn de la nepeto. Se li venus! Li ne estas. Sendube la parencoj bone instruis al li, ke li ne proksimiĝu al tiu loko.

Ĉue la knabetoj eliris el la ĝardeno, la branĉojn mane elstarigataj. Kaj Martín ilin gapis el la barilo, dum kaŝe viŝis sur la vango glitantan larmeron. Neniam li sentis sin mem tiel malgaja. Eble, la vetero influis pri tio: estis malvarma kaj nebula tago; sudokcidenta vento impulsis la nubojn, arigante unu kontraŭ alian; funebre moviĝis la branĉoj de la arboj kaj la fenestra pordeto ritme batadis.

Martín rigardadis la placon plena da homoj, irantaj al la solena Meso. La virinoj, kovritaj de siaj silkaj mantiloj pasis gravmienaj. Multaj el ili kunportis la korbon koj la panon, por la pro mortinta ofero de la familio; aliaj, la vaksan kandelon por la tombo (5).

Ankoraŭ juna virino, kondukante per la mano sesjaran infanon, blonda kiel maiza spiko, trairis la placon. La infano estis vidinta la aliajn infanojn eliri kun la olivbranĉoj, kaj trenata de la infana instinkto kiu ekdeziras ĉion vidatan, etendas la etan manon dirante:
—Donu al mi.

Martín ne kuraĝas sufiĉe por tion vidi. Jen la sintrudulino; la «krimulino» al li forrabinta la filon, la «duonfremdulino» kiu lin delogis. Sen fortoj por ŝin rigardi kaj sen deziro pligravigi la situacion, li sin turnis kaj ekbrulis la pipon da «belarra» (6). La infano krias kaj piedbatadas petante branĉon, dum lia patrino, tirante per la mano klopodas lin malproksimigi el la ĝardeno.

Subite bruo formata per milo da malakordaj bruoj krevas; blovo pli forta ol la antaŭaj skuas la ĝardenon. Krakas la branĉoj, siblas la kanoj, flugas la folioj sekaj kovrantaj la semujojn kaj rompiĝas la kanbariloj, kaj kun krakego, branĉo de la maljuna olivujo disŝiriĝas kaj tombas meze de la placo, kie la infano, plorante kaj piedbatante, rapidas ĝin preni.

Ĉu ĝi estas miraklo de Sankta Virgulino de Mendibeltza? Ĉu miraklo de la venta blovo? Ĉu miraklo de la koro? Kiu scias! Plej malgrandaj rimedoj faras foje plej grandajn efikojn.

Vento disŝiris la nubegojn, kaj Marta senlumo heligas meze de

la placo maljunulon kiu brake altestarigas plorantan infanon... kaj oni ĵurus ke ne ĉiuj la larmeroj estas infanaj.

Kaj en lia maneto, la simbola paca branĉeto ricevas varmetan kison de Marta sunlumo.

A. N. D.

* * *

## KLARIGOJ

(1) Branĉa Dimanĉo=Popola nomo de la dimanĉo antaŭ Pasko.

(2) Chakurra, elprononcu ĉakura, litere hundo, ordinare oni tiel nomas la hundojn, en Vaskolando oni ne kutimas aldoni proprajn nomojn al bestojn.

(3) Fari por hejmo, edzigi filon (aŭ filinon) por vivi kun la gepatroj.

(4) Onza, antikva monero=80 hispanaj pesetoj. Tian oran moneron jam oni ne kurzas, sed vaskaj kamparanoj uzas ĝian nomon por kalkulo.

(5) Oni ne plu entombigas en la preĝejo, sed la vilaĝaj virinoj metas kandelojn sur la praparencaj tomboj dum la Meso.

(6) Belarra=herbo; folioj de terpomo aŭ aliaj vegetaloj ofte uzataj anstataŭ tabako.

# KRONIKO

BARCELONA.—Organizita de la «Zamenhof-Instituto», okazis la 2an de Aprilo ĉe la «Grupo Socialista de la Casa del Pueblo» parolado de la Prezidanto de la dirita Instituto, S-ro A. Valdepeñas, pri la temo: «El Esperanto como base del Internacionalismo». La parolado faris tre bonan impreson al la multnombra ĉeestantaro, kaj la Prezidanto de la Socialista Grupo dankis la paroladinton kaj promesis kunlabori al la Esperantista Movado per la organizo de Esperanto-Kursoj en la nova, pli ampleksa ejo, kiun la Grupo baldaŭ inaŭguracios.

LOGROÑO.—D-ro. Loyola daŭrigas sian intensan propagandon, kiun tuj li enkondukos en la vilaĝojn per la broŝureto «¿Qué es el Esperanto?» luj el liaj lernantoj ekzameniĝis sukcese.

FERROL.—La movado renaskiĝas tre vigle ĉi kaj ĉe la apudaĵoj.

ZARAGOZA.—«Zaragoza Esperantisto» eldonis ilustritajn poŝtkartojn, kiuj formas kolekton el dek malsamaj kun esperanta teksto: unu peseton po kolekto, ĉiam antaŭpagite. Mendu ilin al la prezidanto de la Grupo S-ro José Carnicer (Manuela Sancho, 17. - Zaragoza) kaj la madridaj samideanoj al la sekretario de H. E. A.

